# La supersignoj de Esperanto ĉiam estis facile tajpeblaj

Saluton al vi ĉiuj.

Dekomence, oni povas pensi ke la titolo de ĉi tiu eseo estas blufo aŭ troigo. Se Zamenhofo mem, kreinto de Esperanto, jam permesis kaj citis procedojn por surogati la supersignojn, kiel, do, justigi mian aserton, jen, ke la supersignoj de Esperanto ĉiam estis facile tajpeblaj? Sed mi ne blufas nek troigas. Kaj jen alia trajto de mia eseo: ke nur flankete kaj enkonduke mi parolos pri lingvistiko; esence, mi parolos pri filozofio, pri antropologio: pri la homa naturo.

Nature, oni povas ankaŭ pensi ke, kun titolo kiel "La supersignoj de Esperanto ĉiam estis facile tajpeblaj.", mia eseo temas esence pri lingvistiko. Sed ne, ĝi temas esence pri filozofio. Tuj tion ni vidos.

Neniu dubis iam serioze, kaj malankaŭ tion mi dubas, ke la normala kaj rekomendata skribado de Esperanto estas skribado per baza latina alfabeto, jen per majuskloj jen per minuskloj, kun supersignoj uzataj por indiki apartan fonemon super unu el la ses literoj de la grupo "c g h j s u".

Do, ĉi tiu eseo estas skribata tiel.

Sed probable oni reagos tiel: "Ci blufas! Ci skribas ĉi tie per iksosurogato, ne per supersignoj!".

Kaj mi respondos ke mi ne blufas: mi skribas ĉi tie per iksosurogato por ĉiuj ses supersignendaj literoj (ankaŭ por la supersignenda litero "ŭ") kaj do mi skribas per veraj supersignoj.

Mi ne volas elĉerpi la paciencon de miaj legantoj. La justigo de mia ĵusa aserto estas kurta, logika kaj klara.

La baza kaj orientiga (eĉ deviga) verkaro pri la nukleo de la lingvo Esperanto, jen, la verkaro "Fundamento de Esperanto", nur priskribas kaj preskribas ke, ĉiam kiam oni tion povas fari, oni skribu Esperanton per latina alfabeto kun ĉiuj ses supersignendaj literoj klare supersignotaj. Sed la Fundamento de Esperanto neniam deklaras aŭ sugestas ke oni uzu apartan aŭ unusolan formon de la latina alfabeto, ekzemple specifan litertiparon aŭ specifan grafikan signon por indiki emfazon. Zamenhofo mem deklaris jam dekomence ke ĉi tiuj detaloj estas negravaj, duarangaj kaj ne apartenantaj al la kerno de la lingvo. Kaj, fakte, la plej lingve ortodoksaj individuoj kaj grupoj kiuj skribis per Esperanto ĉiam uzis kaj uzas diversajn variaĵojn de la latina alfabeto, kvankam, fakte, preskaŭ ĉiam nur tri aŭ kvar tiparoj estas uzataj por la korpo el la teksto ĉe la lingve ortodoksaj eldonaĵoj per Esperanto, jen revuoj, jen libroj, jen interretaĵoj. Ĉi tiu tipografia solvo estas simila al la tipografia solvo de la multaj aliaj lingvoj, jen teritoriaj, jen helpoplanitaj, kiujn oni skribas per latina alfabeto.

Do, neniu aparta formo por tajpi aŭ reprezenti grafike la supersignojn de Esperanto estas deviga aŭ unika. Do, reprezenti grafike ĉiun ekaperon de supersigno per la koncerna sensupersigna litero plus posta apuda litero "x", ikso, estas ankaŭ akceptebla rimedo por skribi la supersignojn, eĉ laŭ la Fundamento de Esperanto kaj laŭ ties oficiala akademio de lingvopolico, la Akademio de Esperanto. Tajpi kaj legi tiel povas esti plimalpli peze kaj estetike malagrable, sed neniel heterodokse. Tial la modernaj komputiloj, kiuj ne estas kondiĉitaj per la estetiko, la legado nek la tajpado antaŭ teksto en Esperanto komplete skribita per la ikso, rapide kaj facile povas konverti ĝin en tekston per aliaj stiloj de supersigno, aŭ reciproke, iksigante tekston originale skribita per supersignoj gluitaj super aŭ sur ĉiu koncerna litero.

Sed nun, probable, oni demandos al mi: "Kial, (kon)damne, Zamenhofo mem ne emis nek rekomendis skribi per la litero ikso en Esperanto?".

Mia respondo estas facila: Esperanto estas nur lingvo, sed esperantismo estas pli ol lingvo; ĝi estas ideologio, partio, religio kaj eklezio. Zamenhofo ne estis nur esperantoparolanto aŭ esperantouzanto; li estis ankaŭ (kaj precipe) esperantisto, partizano de la esperantismo.

Esperanto, la lingvo mem (sen esperantismo) ne bezonas malfacilajn formojn de tajpado, eĉ ĝi ne bezonas supersignojn, ĉar reale Esperanto nur enhavas 26 fonemojn maksimume. Ne ekzistas reala distingo semantika inter la fonemo de la sensupersigna litero "h" kaj la simila fonemo kun supersigna litero "ĥ", nek inter la fonemo de la supersigna litero "ĝ" kaj la fonetike tre simila fonemo de la supersigna litero "ĵ". Oni facile povas (kaj rajtas) skribi Esperanton kun nur la baza latina alfabeto, sen digrafoj kaj sen difonoj.

Sed mi rediras ke esti esperantisto ne estas nur paroli aŭ skribi Esperanton.

La filozofio kaj la sociologio per germana lingvo kreis antaŭlonge du vortojn kiuj estos tre utilaj al ni nun: "Gemeinschaft" kaj "Gesellschaft", kiujn mi tuj esperantigas laŭ iliaj prononcadoj: "gemajnŝafto" kaj "geselŝafto".

La gemajnŝafto kaj la geselŝafto estas du formoj de asocio, sed profunde malsimilaj reciproke. La gemajnŝafto estas asocio formata per emociaj, tradiciaj kaj ne plene raciaj ligiloj; tipaj ekzemploj de gemajnŝafto estas la familio, la religio kaj la klubo de futbalo. La geselŝafto estas asocio formata per difinitaj raciaj ligiloj celante la atingon de komunaj interesoj inter siaj membroj; tipaj ekzemploj de geselŝafto estas la energia entrepreno por pumpi petrolon aŭ bruleblan gason, la konzerno aŭ komisiono fiksanta universalajn kodojn por skribi komputile ĉiujn lingvojn (sistemo Unikodo) aŭ (almenaŭ teorie) la sindikato, la politika partio kaj la profesia konfederacio el entreprenistoj. Mi, intence, inkludis la tri lastajn ekzemplojn dubindaj por montri ke ne ekzistas klara kaj preciza limo inter gemajnŝafto kaj geselŝafto, sed pli reale gamo da situacioj, ofte ambiguaj aŭ mezaj

inter gemajnŝafto kaj gesellŝafto, kaj ofte ŝanceliĝante inter gemajnŝafto kaj gesellŝafto ĉe la sama asocio, laŭ la epoko kaj la situacio.

Bona ekzemplo de ĉi tiu ambigueco estas la statuso de la profesiaj futbalistoj en la plej bonaj futbalteamoj. Ĉi tiuj futbalteamoj estas, nature, gemajnŝaftoj... sed la plimulto el iliaj futbalistoj estas dungitaj (tre bone dungitaj) laboristoj, kiuj neniam kaj neniel laboros senpage. Ili, la profesiaj futbalistoj, teorie reprezentas la simbolojn kaj la dezirojn de venko de ĉiu aparta teamo kie ili laboras; sed, samtempe, ili deziras, logike, gajni monon kiom eble plej multe, dueco kiu ofte kaŭzas konflikton kiam unu futbalisto forlasas sian "amatan" teamon favore al alia teamo kiu pagos al li duoblon ĉiujare. Logike, la membroj de la teamo jam scias ke la rilato de la plej bonaj futbalistoj kun la teamo estas pli gesellŝafto ol gemajnŝafto, sed samtempe ili argumentas ke la klubo de futbalo "ne estas komerca entrepreno" kaj ke, do, la monavida futbalisto devus respekti lojalecon al sia teamo. La reala konduto de la futbalisto restos fiksita, precipe, per lia statuso (jen amatora, jen profesia, jen intermeza), per siaj emociaj ligiloj al la klubo, per siaj realaj eblecoj ĉe la merkato de futbalistoj kaj per la naturo de la futbalklubo (jen amatora, jen aŭtentike komercentreprena sporta, jen intermeza).

La klara disigo, ĉe la ekstremoj, inter la gemajnŝafto kaj la gesellŝafto, ne kaŝas la ekziston de flua transiro inter ambaŭ formoj de asocio.

Esperanto, kiel nur internacia helpoplanlingvo, teorie estas klara bazo por gesellŝaftoj kiuj, simple, disvastigus science kaj teknike Esperanton kiel ĉipan, rapidan kaj efikan solvon al la internacia problemo de la komunikado inter individuoj sen komuna teritoria lingvo. Ja, multaj esperantoparolantaj aŭ esperantistaj asocioj tion proklamis formale... sed la vero neniam aŭ preskaŭ neniam estis tiel. La grandaj teritoriaj, fakaj aŭ ideologiaj asocioj kiuj reale uzas Esperanton estas preskaŭ ĉiam gemajnŝaftoj kun kelkaj trajtoj el la gesellŝaftoj, sed ĉefe gemajnŝaftoj.

Alidirite: la reala disvastigo de Esperanto estas praktike ligita al la esperantismo, do al "la lingvo de paco kaj amo".

Do, ni jam povas kompreni kial daŭras la pseŭdoproblemo de la supersignoj. Ĉi tiu pseŭdoproblemo aŭ kvazaŭproblemo ne ekzistas inter esperantoparolantoj kiuj Esperanton nur uzas laŭ la tipa maniero de la gesellŝaftoj. Tiaj esperantoparolantoj skribas per la ikso, aŭ tute sen supersignoj kiel en la sistemo nomata "minirefo" (kiu malankaŭ uzas digrafojn kaj difonojn).

Sed la minirefo aŭ la iksotajpado, kiuj neniel malhelpas serioze la interkomprenadon per Esperanto, kiuj do ne atakas Esperanton mem... agas kontraŭ la jen kaŝa jen malkaŝa bazo de la gemajnŝafto kiu fakte subtenas Esperanton, kaj sen kiu Esperanto estus hodiaŭ marĝena aŭ malaperinta helpoplanlingvo en la historio de la helpoplanlingvoj, kiel Volapuko aŭ Intalo.

Tre facila tajpado kaj legado, sub ĉiuj cirkonstancoj, malhelpas paradokse la gemajnŝaftojn, la esperantismon, ĉar tiu facila tajpado kaj legado tro helpas la geselŝafton, la lingvon Esperanton kaj ties praktikan facilan uzadon.

Ju pli facila estos Esperanto kiel nur lingvo, des malpli forta estos la esperantismo. Ĉiu gemajnŝafto inkludas ritojn de paso, ofte absurdaj kaj eĉ danĝeraj, sed ankaŭ ofte inkluditaj ĉar ili estas absurdaj, dolorigaj aŭ danĝeraj. La ceteraj membroj de ĉiu gemajnŝafto deziras ofte scii ĉu la nova kandidato al la gemajnŝafto deziras precipe atingi siajn proprajn (ĉefe raciajn kaj egoistajn) celojn kiel en geselŝafto, ĉu li aŭ ŝi akceptas subordigi sian individuecon al la gemajnŝafto kaj ne plu konsideri sian gemajnŝafton kiel ion ekstera, cirkonstanca kaj finfine forlasebla; kiel geselŝafton.

La supersignoj kaj la deviga sufikso de akuzativo estas, science, klaraj bariloj ĉe Esperanto al la internacia komunikado, kaj antaŭ multaj jaroj oni jam scias ke la plej bona solvo estas skribado per nur la baza latina alfabeto (sen digrafoj nek difonoj) kaj kun okazaj specifaj prepozicioj, anstataŭ la sufikso de akuzativo, por indiki la akuzativon kaj aliajn sintaksajn nuancojn. Sed tiu kiu emas paroli kaj skribi Esperanton tiel, sufiĉe montras ke ĝi ne amas Esperanton, ke ĝi nur uzas Esperanton kiel komunikilon... do, ke, se ĝi trovas alian komunikilon pli komforta ol Esperanto, probable ĝi neglektos aŭ ignoros Esperanton.

Estas, ekzemple, neniu sekreto ke mi ne amas (nek malamas) Esperanton, ke ĝin mi uzas nur kiel lingvon, sen esperantismo, kaj ke mi preferas uzi la reformitan Esperanton konata kiel Ido por mia precipa uzado de Esperanto, jen, la filozofio. Mi ne estas gemajnŝaftano de Esperanto, sed nur geselŝaftano, kaj mi agnoskas ke sciencoteknike Ido estas, ĝenerale kaj averaĝe, pli bona kaj taŭga ol zamenhofa Esperanto.

La homa naturo ŝanceliĝas konstante inter racieco kaj malracieco. Tiu denaska kaj malfacile solvebla konflikto de la homa naturo estas la konflikto kiun mi volis montri ĉi tie; la lingvaj ekzemploj kiujn mi donis estas duarangaj kaj nur instrumentaj. Mi opinias ke la homo devas iri kiel eble plej alte al la kompleta racieco, ĉar la malracieco ne estas finfine vera vojo al la feliĉo, kaj la racieco jes portas en la feliĉon. Sed tio implicas la kreadon de plena individueco por la individuo, preter la grupo, preter la gemajnŝafto; jen la granda, daŭra kaj dornoza vojo al la pleneco, al la feliĉo.

Nu: mi konsideras ke ĉi tiu polemikega eseo jam havas sufiĉajn parolojn por esprimi mian nekutiman sintenon pri la supersignoj, la esperantismo kaj Esperanto. Do se ci, leganto, deziras dialogi, ci nur bezonos kontakti min.

Amike, el Aleksandro Ksavero Kasanovo Domingo, poŝto elektronika trigrupo@yahoo.es (trigrupo arobo yahoo punto es).